9-a jaro. — N-ro 5-6 (99-100) Majo-Junio 1923.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1923

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, ĥemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo

# "BELGA ESPERANTISTO"

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.
Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.
Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.
Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpena Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.
» La Verda Stelo, S-roj E. De Coster, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.
Boom : Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..
Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.
Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.
Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.
Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.
Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.
Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.
Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.
Lokeren: La Durma Stelo, S-ro A. Roels, Bergendries 28.
Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.
St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.
St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.
Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.
Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.
Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy. J. Herion, rue des Raines, 8.

9a Jaro — Majo-Junio 1923 — N° 5-6 (99-100)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto : FRANS SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX, 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Belga Kongreso Esperantista

### Namur, 20-21 Majo 1923

La organiza komitato estis zorge preparinta ĉiujn detalojn de nia jarfesto nacia, kiam paron da tagoj antaŭ la kongreso, la tuta afero estis endanĝerigita pro ebla Ĝenerala Striko de la fervojistoj.

Kaj flugis tra la telefono inter Antverpeno kaj Gento, Liero, Sta Nikolao, Mehleno, Bruselo la demando: «Ĉu la kongreso okazos? Ĉu vi iros?» — Kiel ĉiu homo nur malvolonte akceptas malbonan novaĵon kaj ĉi-tiun kontraŭbatalas ĝis la lasta momento (memoru la historion de la dronanto kaj la pajlero!) tiel ankaŭ ĉiam sonis la respondo: «La Kongreso okazos! Ni iros!»

Kaj.... ni iris.... kaj...... feliĉe......ni alvenis!

Kiel kutime alvenis jam multaj geamikoj la saba on vespere. En la akceptejo, loki'a en «Namur-Palace», kunvenis la Estraro de la Ligo. Ne regis tie la ordinara movado malordema: ĉiu kongresano antaŭ sia foriro ricevis ĉiujn kartojn kaj sciigojn pri loĝado.

Dimanĉon matene kolektiĝis ĉiuj, proksimume 125, gesamideanoj antaŭ la akceptejo kaj en bona ordo, konduktitaj de la lokaj organizantoj kaj de la Ligestraro, marŝis al la urbodomo, kie okazos oficiala akcepto.

La urbestraro de Namur estis brile kaj multnombre reprezentata. Ni notis :S-on Golenvaux ,Skabenon de Financoj kaj Deputaton, F-inon Casterman, urban konsilantinon, S-rojn Brasseur, Cartuyvels de Colart. Lemercinier, Rombaux, Toussaint, urbajn konsilantojn; de la oficiala urba Festkomitato ĉeestis: S-roj Berger, direktoro, Lange, Verbeken, Vrithoff, membroj; ni rimarkis ankaŭ S-ron Servais, provincan konsilanton.

S-ro Verbeken, ĵus reveninta el Kongolando ,lasta prezidanto de la iama esperanta grupo de Namur, ĉirkaŭita de la loka organiza komitato: F-inoj Dorsinfang, F-ino Brosse, S-ro Verbeken (kuzo),

S-ro Remy, prezentis al la namura eminentularo la ligestraron kaj la kongresanojn.

S-ro Golenvaux, Skabeno, je la nomo de la urbestraro kaj de la Festkomitato, deziras bonvenon al la kongresanoj. Li estas feliĉa ke la urbo Namur estis elektita por la nunjara kongreso, kiu ,li esperas, estos favore influata de la bela situacio de sia sidejo. Li nomas la esperantistojn apostoloj de granda ideo ne ĉiam bone komprenata. Ilia celo estas plifaciligi la rilatojn inter la diversaj nacioj kaj gentoj per komuna helpa lingvo. Ili ne devas honti pro sia celado: ilia movado estas bela, nobla, ĉar ĝi estas homama, ĉar ĝi celas la fratiĝon de la popoloj. — La oratoro honorigas la memoron de Dro Zamenhof, kiu, dank'al tute specialaj lingvaj konoj, trovis la racian solvon de la grava problemo de la diverseco de la lingvoj kaj donacis al la homaro unu el la plej gravaj ĉefverkoj de la lasta jarcento.

S-ro Golenvaux konsilas al ni konstante labori : la ideo estas sana. Ĝi estas kapabla fari al la homoj grandegajn servojn.

Finante li petas, ke la kongresanoj, post siaj laboroj, dediĉu malgrandan lokon de sia koro kaj de siaj pensoj al tiu bona, malnova, valona tero, kiun ni ĉiuj amas. Li estas certa pri tio, ke la loĝantaro akceptos la Esperantistojn plej afable kaj plej kore.

S-ro Cogen, vicprezidanto de Belga Ligo Esperantista, respondas al la varme aplaŭditaj vortoj de la Skabeno, per jena franca parolado:

Monsieur l'Echevin, Madame et Messieurs les Conseillers communaux, Messieurs,

En recevant en ce jour les Membres du XIIe Congrès des Espérantistes Belges, l'Administration Communale de Namur ne fait que consacrer, une fois de plus, une tradition qui s'est établie, dès l'origine en Belgique, du mouvement en faveur de l'adoption d'un langue auxiliaire. Cet appui officiel constitue, dès le début, un précieux encouragement et une aide efficace, de la part du Pouvoir Communal, aux défenseurs de l'Idée et à la cause de l'Espéranto, en ce que cet appui recommande la question de la langue internationale à la bienveillante et sympathique attention du public.

Les Congressistes sont particulièrement heureux de constater qu'aujourd'hui la ville de Namur, leur réserve, par l'entremise de ses mandataires, le même acceuil que naguère ses soeurs Wallonnes et Flamandes, et cela au moment où, dans un pays voisin et ami, qui fut toujours le principal foyer d'où l'idée de la langue auxiliaire rayonna sur le monde civilisé tout entier, cette idée est plutôt battue en brêche par le Pouvoir Central.

Votre sollicitude envers les Congressistes, Madame et Messieurs, prouve que vous ne voyez, avec eux, dans ce désagrément, que ce qu'il convient d'y voir: un contretemps local et passager, dû, sans doute, au fait que certains adeptes ont laissé croire que l'Esperanto est...... ce qu'il n'est pas! un contretemps, d'ailleurs, comme en subissent toutes les idées neuves qui frappent et effraient par leur hardiesse et leur nouveauté même, mais que l'accoutumance fait bientôt voir sous leur jour véritable et finit par rendre familières!

L'Esperanto n'est pas encore «familier» à tout le monde et cela d'autant plus que, pour «le voir sous son jour véritable», il faut se donner quelque peine. Il y a, en effet, deux espèces de nouveautés: celles qui ont un caractère plutôt matériel, celles qui sont d'un ordre plus intellectuel. Parmi les prémières nous pouvons ranger les chemins de fer, les bateaux à vapeur, le téléphone, le télégraphe et toutes les merveilles de l'électricité, le phonographe, l'automobilisme, l'aviation; parmi les secondes nous citerons, entre autres, la sténographie et la langue internationale.

Or, il est remarquable que les inventions de la première catégorie ont fait la conquête du monde bien plus rapidement que celles de la seconde. Cela tient surtout à ce que celles-là tombent plus directement sous nos sens, tandis qu'il faut faire un examen plus minutieux de celles-ci pour se rendre compte de leur valeur intrinsèque et des avantages que leur usage apportera aux choses de la vie; or, c'est cet effort-là que beaucoup d'hommes se refusent à faire: ils trouvent qu'il est plus simple de nier à priori la valeur et l'utilité de l'idée nouvelle et d'émettre à son sujet d'évidentes sottises, plutôt que de reconnaitre loyalement ses mérites après un examen sérieux et impartial!

Que voulez-vous! C'est là un des travers de l'humanité, et il serait bien étonnant qu'il en fût autrement dans le domaine des choses intellectuelles, quand il nous suffit de lire l'histoire des inventions matérielles pour constater que même de très grands esprits ou réputés tels en leur temps — ont nié l'utilité voire la possibilité pratique des chemins de fer et ont traité le télephone naissant de...... jouet scientifique!!

Mais cette histoire, qui devrait rendre plus circonspects nos détracteurs actuels de l'idée de la langue auxiliaire, dans l'expression de leurs avis définitifs et... erronnés, cette histoire, dis-je, Nous remplit, Nous, Espérantistes, d'une sainte ardeur d'apôtres, car elle nous apprend que ni les hommes, même les plus éminents, ni leurs manoeuvres les plus habiles ne peuvent rien contre le Progrès. Or l'Histoire tout court nous apprend que la lutte pour le Progrès, pour le mieux-être, est, elle aussi, innée dans l'âme humaine; que cette lutte est longue, souvent, mais triomphante, toujours!

C'est cette foi-là, Madame et Messieurs, qui nous soutient dans notre combat pacifique tendant à faire admettre universellement l'idée si simple d'une langue internationale auxiliaire, fonctionnant à côté des langues nationales comme truchement d'intercompréhension, là où ces dernières, à raison de leur multiplicité et de leur difficulté ne peuvent jouer leur rôle de véhicule de la pensée, et je vous prie de croire que plus de 25 années d'expérience m'ont prouvé que ces cas sont autrement nombreux qu'on se l'imaginerait à première vue!

L'Esperanto, seule réalisation vraiment sérieuse, scientifique, viable, du problème de la langue internationale, ainsi que l'attestent ses 36 années de pratique dans tous les domaines de l'activité humaine, l'Espéranto n'est donc qu'un outil spécial d'intercompréhension

qu'on n'emploiera que là où son usage peut être utile; entre gens ayant une ou plusieurs langues en commun, on ne s'en servira pas! Il n'est d'autre part, inféodé à aucune idée politique (c'est là l'erreur de nos amis les Français); il ne blesse aucun patriotisme, aucune opinion philosophique ou religieuse; il ne vise à supplanter aucune langue ni à nuire au développement d'aucune d'icelles, pas plus que la sténographie susdite ne cherche à supprimer l'écriture anglaise, qui est devenue une graphie véritablement internationale; pas plus que le vélo ou l'avion ne visent à se substituer aux autres modes de locomotion.

Mais comme chacune de ces dernières inventions: l'Espéranto a son champ d'action propre qui se borne aux relations entre «hétéroglottes», si vous me permettez ce néologisme peut-être un peu trop savant! Et comme depuis quelque cent cinquante ans le nombre des langues nationales qui sont entrées dans le «concert linguistique mondial», s'est accru considérablement et s'accroit encore sous nos yeux, depuis la fin de la tourmente qui a révolutionné le monde, la raison d'être de la langue auxiliaire internationale, se justifie chaque jour un peu davantage!

Notre lutte est une lutte toute désintéressée, internationale sans doute, mais d'un internationalisme de bon aloi, semblable à celui de toutes les grandes inventions, qui sont utilisées chez les nations du globe terrestre tout entier; et par là, elle n'est que plus noble et plus et plus belle!

Actuellement il y a des millions d'Espérantistes disséminés dans tous les pays du monde civilisé. Parmi eux se trouvent des hommes éminents aussi bien que d'humbles travailleurs manuels. Toutes les professions libérales, tous les arts, tous les métiers, toutes les confessions, toutes les convictions philosophiques y sont représentés. Tous ces adeptes travaillent sans relâche à répandre, à faire comprendre et aimer la langue de Zamenhof, si simple, si facile, si souple, si harmonieuse et qui, loin de «représenter l'impérialisme de l'absence de tradition», comme on l'a écrit dernièrement, plonge ses racines profondément, non dans le passé historico - linguistique D'UNE SEULE langue nationale, mais qui profite au contraire de l'acquis plusieurs fois séculaire des langues latine, néo-latines, germaniques et slaves REUNIES!

Les efforts déployés momentanément contre la langue auxiliaire sur un seul point du globe, ne nous effarouchent nullement: nous passerons notre chemin tranquilles, souriants, «sans nous en faire» selon l'expression du Poilu, mais en répandant plus abondamment que jamais ce que nous croyons être la bonne semence d'une féconde moisson à venir.

Cette semence, Madame et Messieurs, vous nous encouragez, par votre cordial accueil à la répandre aujourd'hui à pleines mains dans la bonne terre namuroise. Au nom des Congressistes je vous en remercie avec effusion et je forme des vœux pour la prospérité grandissante de la ville de Namur qui fut tant éprouvée pendant la triste période de l'occupation ennemie.

S-RO GOLENVAUX gratulas S-ron Cogen kaj proponas trinki glason da ĉampanvino je la progresado de la movado Esperanta kaj je la bonfarto de la urbo Namur.

Kiam S-RO COGEN rekaptis la parolvicon por danki la akceptantan urbestraron, ĉiuj ĉi-ties reprezentantoj postulis, ke li faru tion per Esperanto «ĉar nenian ili aŭdis la sonon de la nova lingvo». — Kompreneble nia vicprezidanto kun plezurego obeis la ordonon kaj per sia klara, dolĉa voĉo prezentis la dankesprimon de la belga esperantistaro al la gastama urbo Namur kaj ĝiaj ĉeestantaj reprezentantoj.

Ĉi tiuj miris pro la facila komprenebleco de la eldiritaj paroloj, kaj kun intereso akceptis ĉiuj malgrandan Esperantan Gramatikon.

Post tiu bonkora akcepto okazis fotografado de la Gekongresanoj, en la belega korto de la urbestrarejo.

## LA GENERALA KUNVENO

Je la 11a horo vicprezidanto Cogen malfermas la ĝeneralan kunsidon, en la koncertejo de la urba teatro. Lin ĉirkaŭas ĉe la estrara tablo: S-ro Champy, 2a vicprezidanto, F-inoj Dorsinfang, F-ino Brosse, S-ro Verbeken, S-roj Henri Petiau, Sekretario, F. Mathieux, kasisto, Fr. Schoofs, Direktoro de B. E.

Le prezidanto legas la jenan malferman paroladon:

Plej koran bonvenon al vi, karaj Gesamideanoj, kunvenintaj de ĉiuj partoj de Belgujo al la hodiaŭa kongreso!

Plej koran bonvenon ankaŭ al Vi, diverslandaj Geamikoj kiuj vojaĝis Namuron por premi la manon de la Belgaj Gekongresanoj!

Plej sinceran dankon al ĉiuj Gesamideanoj, kiuj preparis kaj ebligis la nunan kongreson ; mi nomis fraŭlinojn Dorsinfang kaj Brosse, Sinjorojn Verbeken kaj Leŭtenanton Remy, niajn Namurajn gekuraĝulojn, kies tasko estis tre malfacila ĉar, pro la disfalo de la estinta Namura grupo, ili staris solaj por organizi la kongreson: la semo, kiun ni hodiaŭ venas ĵeti sur la Namuran teron ekĝermu kaj reflorigu nian movadon en ĉi tiu regiono. Mi nomas ankaŭ danke la nomon de nia bonega amiko, S-ro Mathieux, kiu lerte organizis kaj kondukos la ekskursojn morgaŭajn, cert'e la plej agrabla parto de nia kunvvenado. Dankon ankaŭ al Sinjoro Direktoro de «Namur-Palace», kiu aminde havigis al ni taŭgan akceptejon; al la Namura urbestraro, pli speciale al Sinjoro Skabeno Golenvaux, kiu nin afable akceptis oficiale kaj donis al ni nian kongresan kunvenejon; al S-roBrasseur, prezidanto de la festkomitato de Namur.

Fine ni plej kore danku ankaŭ tiun, sen kiu ni ne eĉ ĝojus havi ĉi-tiun nian Pentekostan kongreson ; tiun, kiu iniciatis la tutan organizadon; kiu faris specialan vojaĝon Namuron kaj starigis ĉiujn necesajn interkonsentojn ne nur parole sed ankaŭ per densa kaj premanta korespondado: mi celas nomi nian Ligan Sekretarion, S-ron Petiau!

Karaj Geamikoj, Vi konstatas ke hodiaŭ denove mankas al ni plej kara kaj amata Amiko: prezidanto Witteryck. Malĝojega okazintaĵo tenas lin malproksime de tie-ĉi: la morto de lia respektinda, pli ol naŭ-dekjara patrino, okazinta dum la unuaj tagoj de Majo. Mi proponas ke nia sekretario sendu al l'Amiko Witteryck jenan telegramon je l'nomo de la Gekongresanoj:

« Witteryck, Steenbrugge.

« Kongresanoj ege bedaŭras vian foreston kaj kore partoprenas «vian funebron». (Unuanima aprobo).

Nun, karaj Gesamideanoj, ni elvoku dum momento la memoron de la genia homo, dank'al kiu la popoloj disponas je mirinda lingva interkomprenilo: la mondo espereble ŝatos ian tagon laŭ merito, la trezoron, kiun ĝi ŝuldas al tiu tro modesta bonfarinto! Hodiaŭ tiu momento ne jam tute alvenis! Sed de la tempo kiam Dro Zamenhof staris tutsola «antaŭ la Rubikono» kaj «ĝin transiris», kiom da progreso faris la Ideo! Kiam la kuraĝaj gebatalantoj suferis mokojn kaj ridojn por akceptigi la tiel simplan ideon de helpa lingvo internacia ; kontraŭ kiom da nescio aŭ da indiferenteco ili devis lukti! Kiom el ili falis sur la batalkampo, ne vidinte la finan verkon!

La indiferenteco! Tio estas la plej grava malamiko de kiu ajn progreso! Nun, feliĉe, tiu tempo estas for! Dank'al pli ol 36-jara senĉesa batalado Esperanto havas pionirojn en ĉiuj landoj de l'mondo kaj ĉie estas konata almenaŭ la nomo de nia lingvo. Ĝi eĉ jam ofte faras al siaj uzantoj la deziritan servon praktikan! «Sed jen», diros kelkaj, «en la lando, kiu estinte plej multe klopodis por diskonigi » nian Ideon en ĉiujn partojn de la terglobo, oni nun kontraŭbatalas » nian movadon; oni penas mortigi ĝin. Kelkaj nekompetentuloj eĉ, » prenante sian deziron por realaĵo, diras ke Esperanto mortis aŭ » estas baldaŭ mortonta! Kaj tio estas senkuraĝiga! »

Ho, karaj Geamikoj, ne elparolu vorton tiel malkuraĝan! Oni diskutas nin?! Oni intence aŭ neintence mallaŭdas Esperanton kaj la Esperantistojn! ?Nu, MI diras: tiom pli bone! Ĉar kontraŭbatalado estas multe pli bona ol indiferenteco! Kaj ĝi pruvas, ke en la mondo, ni atingis jam forton kiun oni ŝajnas timi, evidente malprave, sed tamen timi! Ni devus fieriĝi pro tio!

Kaj tiuj, kiuj nin tiel akre kaj brue kontraŭbatalas per mallaŭdaĵoj — kaj stultaĵoj — en la ĉiutagaj gazetoj, estas niaj plej bonaj propagandistoj! Ili pli efike ol ni mem diskonigos la lingvon internacian, altiros la atenton de la indiferenta publiko sur ĝin, kaj penante malpermesi la ellernadon de Esperanto, ili emigos la publikon por koni tiun «misteran, malbenindan lingvon», ĉar vi scias ja ke nenio estas pli frandiĝema ol la malpermesata frukto!!! Cetere kian gravecon havas kontraŭaĵo en unu punkto de l'mondo, kompare kun la arego da Esperantaj Gepioniroj dissemantaj sukcese la bonan grenon sur la tuta terglobo? Ni estu do ekscititaj pro tiu malbona kompreno de nia Ideo kaj ni levu la ganton al ni ĵetitan akceptante gajkore la lukton! Ni lasu do fari tiujn mallongvidantojn ,sed ni turnigu ilian specialmanieran propagandon favore je nia idealo: nia rolo estu de nun pli ol iam... helpi tiun bonan propagandon venantan de malamika

fianko... EN METTANT, kiel oni diras franclingve, EN METTANT LES CHOSES AU POINT! Ni do klopodu per dekobligita, senlaca obstino, por komprenigi, ĉefe en la granda publiko, la veran esencon de nia movado; pli kaj pli ni kriu, ni skribu ke la Lingvo Internacia estas nur helpilo, kiu staras ekster ĉiuj ajn politikaj aferoj, kiu tute ne celas malutili ian nacian lingvon, nek ies patriotismon, nek ies filozofian aŭ religian senton; sed ke ĝi, male estas tute neŭtrala, komuna helpilo de interkomprenado, kiu havas sian specialan utilecon, sian apartan agadan kampon.

Cetere, flanke de la ŝajne malbona okazintaĵo en amika lando, multaj, tre favoraj aferoj okazis dum la lastaj dek-du monatoj. Mi ne ree citos ilin ĉi-tie, ĉar vi konas ilin per niaj ĵurnaloj! Mi nur insistos pri la grava signifo de la kunveno okazinta antaŭ ne eĉ du monatoj en Venezio, ne malpli pri tiu de la fama raporto pri nia lingvo en la Societo de Nacioj, en Septembro lasta.

Mi konkludas dirante: «Sursum Corda!», «Alte la korojn!» Ĉin el vi ĉi-tie ĵuru al si mem ke li faros dum la venonta Liga jaro, sian Esperantistan devon, gajkore, kuraĝe kaj esperoplene: ĉiu rebatu, mallonge sed trafe, ĉu parole, ĉu skribe, ĉu ĵurnale, la malĝustajn dirojn kontraŭ nia afero; al ĉiu mallaŭda artikolo respondu, eĉ malrekte, favoran artikoleton; ĉiu el vi varbu novajn adeptojn, ĉefe inter la gejunularo, la homaro de morgaŭ, kaj vi ĉiuj, en viaj grupoj, penu por vigle labori kun la novaj varbitoj, por ke ili ankaŭ fariĝu lertuloj kiel siaj pli malnovaj kolegoj; kaj vi tiel zorgu, ke la grupoj ne disfalu, sed kresku kaj plifortikiĝu! Kaj tie kie ne ekzistas jam grupoj, vi kreu ilin!

Ĉiu esperantisto sin montru ĉiam, en tiu kvalito, homo plej serioza kaj deca, precipe dum oficialaj cirkonstancoj! Fine ĉiu el ni preterlasu neniun okazon por uzi nian lingvon, ne fanfarone sed male, plej simple kaj nature. Ni pruvu fakte kaj praktike la belecon de Esperanto, ĝian taŭgecon, ĝian kapablecon, ĝian utilecon en ĉiuj fakoj homaj: tio ege efikos sur la profanuloj!

Tiel ni montros nin indaj apostoloj de nia karega kaj bedaŭregata Majstro, kiu, ni tion ne forgesu, eltenis lukton longan kaj malfacilan en cirkonstancoj alie pli malfavoraj ol la nunaj!

Tiel ni kondukos nian entreprenon al novaj sukcesoj, kiuj ĝin proksimiĝos iom pli je ĝia fina venko!

Tia estu la karakterizo de la hodiaŭa XIIa kongreso de la Belgaj Esperantistoj, kiun mi ĝoje kaj bonespere deklaras komencita!

S-RO HENRI PETIAU, sekretario, prezentas sian raporton pri la agado de la Ligo dum la pasinta societa jaro. (Vidu la tekston de tiu raporto en nia No de Marto-Aprilo, paĝo 31).

S-RO FERNAND MATHIEUX, kasisto, raportas pri la financa situacio de la Ligo kaj atentigas la membrojn, ke estas necese subteni la ligajn entreprenojn. Li diras:

Estimataj Gesamideanoj,

Post la plendoj kiujn vi ĵus aŭdis de nia Prezidanto kaj de nia Sekretario, pro la neagemeco de la Belga Esperantistaro, vi certe ne

miros, se miaflanke, mi diras al vi ke la financa situacio de la Belga Ligo malboniĝis dum la lasta jaro.

La budĝeto de la Ligo mem montras malgrandan profitan saldon; niaj enspezoj sumiĝis je 1332.60 fr. dum ni elspezis nur 916.25 fr. Restas do 416.35 fr..

Bedaŭrinde, nia gazeto kaŭzis al ni perdojn: la elspezoj superis la enspezojn da 113.40 fr. (4978.40 - 4865.—).

El tio rezultas, ke nia tuta enkaso, fine de 1922, estas nur da 302.95 fr. Nu, en 1921, ni finis kun 1246.10 en la kaso.

Malprogreso! Kaŭzoj: Rilate al la Ligo, ni presigis Esperanto-Film; rilate al B. E., ni aperigis 7 numerojn anstataŭ 6.

Vi do nepre vidas ,ke tiuj, kiuj volas ke nia gazeto aperu regule ĉiumonate, devas fari ion pli ol plendadi: ili devas varbi abonantojn. Se la nombro de tiuj ĉi iom pligrandiĝus, nia situacio fariĝus rapide pli favora».

Post la raportoj de S-roj Petiau kaj Mathieux, la prezidanto siavice dankis la anonimulon, al kies malavareco ni ŝuldas la reaperon de «Belga Esperantisto» dum 1923. Li insistis pri la nepra neceseco ke ĉiuj belgaj geamikoj abonu kaj abonigu la gazeton; li admonis la grupojn, fari sian devon en tiu direkto ĉe siaj membroj. Li rimarkigis, ke oni povas kaj devas helpi nian nacian organon ne nur mone, sed ankaŭ per la ensendado de bone verkitaj tekstoj. Tiuj lastaj estas fareblaj de la gegrupanoj kiel ekzercoj (originalaĵoj, aŭ tradukoj de literaturaĵoj, sciencaĵoj aŭ eĉ amuzaĵoj ĉerpitaj el la ĉiutagaj ĵurnaloj, k. c.). Li ankaŭ dankis S-ron Schoofs pro lia senĉesa zorgado pri B. E.

Tiam li ekparolis pri la 4a punkto de la tagordo (partopreno en la venonta **semajnoduo en la Monda Palaco de Bruselo**. Li mallonge raportas pri la eniĝo de Esperanto en la semajnoduoj, jam de 1920, pri la deziro de S-ro Otlet: paroligi kiel eble plej multe diversajn alilandajn paroladantojn, kaj pri la jam faritaj klopodoj de la tiucele kreita speciala komitato. «Tiu demando estas ankaŭ traktata «hodiaŭ « mem, li diras ,en la Nacia Kongreso de la francaj Esperantistoj okazanta en Limoges.

«Por la venonta Semajnoduo ni povas kalkuli jam pri Dro St. Ka-« maryt ,el Bratislava (Ĉekoslovakujo), kiu venos doni tri lecionojn « en vulgariga stilo pri « Nunaj teorioj pri konsisto de la materio kaj « iliaj poetika signifo». Ni havos ankaŭ la kunlaboradon de S-roj De-« marcy, Somerling, Hendricx, Baesens, Jacobs, k. o.».

« Li invitis la Belgajn gesamideanojn ĉeesti la paroladojn, ĉar « ne sufiĉas havi parolantojn. Ni bezonas ankaŭ publikon kaj la « Geesperantistoj formas la kernon de nia aŭdantaro, kiu devas altiri « la alian publikon de la Monda Palaco al la Esperantaj paroladoj. « Estas ceter ne necese diri, kiel favora loko por la propagando de « Esperanto estas la Monda Palaco!

« Pasintan jaron mi povis anonci la Esperantajn paroladojn nur « la tagon antaŭ la malfermo de la semajnoduo mem, ĉar mi mem « estis informata pri ili nur tiun saman tagon. Pro tio la Esperan-« tista publiko estis malmultnombra. Nunjare, Geamikoj, vi sciu jam

« de nun ke la Semajnoduoj okazas ĉiam dum la dua duono de « Aŭgusto, (1), kaj vi faru ĉion eblan por ĉeesti niajn paroladojn. « Pri la ĝustaj tagoj kaj horoj de tiuj lastaj mi informos vin tuj, « kiam mi mem scios pri tio».

« Mi profitas je la cirkonstanco por sciigi vin pri la fondo, de « S-ro Flageul, nia franca samideano, de « UNIVERSALA ASOCIO « DE LA ESPERANTISTOJ-GESTENOGRAFIISTOJ », kun la celo « montri la utilecon de nia lingvo en la internaciaj kongresoj de « stenografio en kiuj li sukcesis enigi Esperanton dank'al la helpo « de la franca tre konata stenografiisto, S-ro Buisson. De la unua « alvoko S-ro Flageul (adreso: 9, Boulevard Voltaire, Issy (Seine) « France) akiris sufiĉan nombron de favoraj respondoj por krei inter « la aprobantoj Rondirantan Manskribitan Gazeton, kies celo estas « inter aliaj, diskonigi la diversajn stenografiajn sistemojn uzatajn « de la membroj. Mi multe konsilas al tiuj el vi, kiujn la afero povas « interesi ,partopreni en tiu Asocio, kaj sin turni senprokraste al « S-ro Flageul ».

Fine S-ro Cogen ekfaris la anoncitan paroladeton pri la AUTONOMA MUZIKNOTADO.

« Mi havas, li diris, duoblan celon: 1e por la neesperantistoj, kiuj « eble ĉeestas la kunvenon, pruvi la taŭgecon de Esperanto por la « traktado de sciencaj temoj; 2e por la Geesperantistoj, diskonigi la « A.M.N., kiun mi konsideras kiel la nuran veran solvon de la « problemo pri la reformo de l'muzikskribo ».

S-ro Cogen resendis la scivolemulojn al « Belga Esperantisto » n° 11-12 de Nov.-Dec. 1921, aŭ al la speciala broŝuro de sia artikolo, en kiuj la demando estas plene traktita ankaŭ je l'historia vidpunkto. Tiun lastan parton li lasis flanken, klarigante nur la bonajn kaj malbonajn ecojn de la ordinara muzikskribo kaj la manieron laŭ kiu S-ro Hautstont la aŭtoro de la A. M. N., profitis je ambaŭ, por kunmeti sistemon samtempe simplan kaj perfektan.

Vic-prezidanto Champy dankis kaj gratulis la paroladinton.

S-ro Schoofs, komunikas, ke la ligestraro sukcesis invitigi la kongresanojn al la Artkoncerto, kiu okazos la saman vesperon en la salono de la « Kursaal ». Li donas kelkajn konsilojn pri la maniero fari propagandon por nia lingvo inter la neesperantista publiko. Varmege li rekomendas esperantan konversacion kaj efikan disdonadon de la bonekonata franca «ruĝa broŝuro » kun malgranda gramatiko.

Li ankaŭ anoncas, ke jam nun oni povas mendi la fotografaĵojn: granda formato po F. 3.—; poŝtkartoj po F. 1.—

S-RO PETIAU, legas leteron de la Tutmonda Asocio de policanoj, kiu petas fari specialan propagandon inter la poliscistoj.

Li ankaŭ legas senkulpigajn leterojn de S-roj E. Privat, J. Pirnay

---

(1) Nunjare la Semajnoduo komenciĝos la dimanĉon 27an de Aŭgusto.

(Verviers) Baras (Werbomont). Senkulpiĝis ankaŭ: S-roj Oscar Van Schoor, Dro Broeckaert (Antverpeno).

Ĉar neniu plu petas la parolvicon, la prezidanto fermas la kunsidon je la 13a horo.

## LA FESTENO

Je la dua posttagmeze proksimume sepdek kongresanoj sidis ĉirkaŭ la plenguste ornamitaj tabloj en la etaĝaj salonoj de «Hotel du Midi». La aspekto de la festenejo estis plej agrabla, kaj tuj estigis ĉe la kunmanĝontoj tiu bona humoro, kiu iĝis nur pli kaj pli gaja dum la gustumado de la bonege preparitaj pladoj.

Jen la kopio de la manĝokarto:

Antaŭmanĝaĵoj
Supo Esperanto
Bova Rostaĵo — Printempaj legomoj
Diversaj malvarmaj viandoj — Laktuka Salato.
Pasteĉoj — Fruktoj
Blanka kaj ruĝa vino.

S-ro Skabeno Golenvaux senkulpiĝis pro familia festo.

Gaja babilado regis dum la tuta festeno, kaj ankaŭ freŝa ridado, kaj..... kantado,..... ne ĉiam arta, de tempo al tempo ŝprucis el la varmaj koroj de niaj antverpenaj kaj gentaj junaj gesamideanoj. Dum tiu... nu, jes.. kantado, multaj respektindaj kaj eminentaj brovoj grave sulkiĝis; poste iliaj posedantoj tamen konfidencie konfesis al mi, ke iam... antaŭe... ilia voĉa talento ne estis multe pli kulturita ol tiu de la nunaj kantantoj, kiujn ili fine akompanis, kantetante kaj fingrofrapante.

Je la horo de la toastoj S-ro Cogen diris: «Jen venis momento, kiu ĉiujare altiras vian simpatian antenton : estas tiu de la toasto al Niaj amataj Gereĝoj kaj ilia Familio. Mi do proponas al vi leviĝi kaj eltrinki vian glason je la honoro de Reĝo Alberto, tiel favora al nia movado, ke Li permesis, ke Lia pli aĝa filo, Lia Princa Moŝto la Duko de Brabanto, akceptu la honoran prezidantecon de nia Belga Ligo. Je la honoro de nia dolĉanima Reĝino Elisabeto, la tutkora flegintino de niaj vunditaj belgaj soldatoj Esperantistoj! Je la honoro de nia simpatia Honora Prezidanto, Princo Leopoldo kaj Liaj pli junaj Gefratoj! Geamikoj, Je la honoro de la tuta Gereĝa Familio!» (Aplaŭdado).

Mi proponas la sendon de la du jenaj telegramoj:

« A Sa Majesté Albert, Roi des Belges. — Sire, Les Espérantistes
« Belges réunis en Congrès à Namur ont acclamé un toast glorifiant
« Votre Majesté ainsi que Sa Majesté la Reine et la Famille Royale. —
« Le Président: L. Cogen ». (1)

---

(1) Respondo de la Reĝo:

« Très touché du contenu de votre télégramme, le Roi me charge de vous en remercier sincèrement en son nom, ainsi que tous les congressistes. Colonel-Secrétaire Cabinet Roi ».

« A Son Altesse Royale Le Prince Léopold. — Les Espérantistes « belges réunis en Congrès à Namur, envoient leur salut respectueux « et sympathique à Leur Président d'Honneur. Le Président du Con- « grès: L. Cogen ». (2)

S-ro Inĝ. Van de Velde trinkis je la sano de la alilandaj Esperantistoj, al kiu respondis plej afable S-ro Nivard, Nederlandano, kaj S-ro Engelmann, franco.

S-ro F. Mathieux toastis je la sano de la Esperantistinoj, je kies nomo respondis F-ino Obozinski.

S-ro Fr. Schoofs dankis la lokajn organizintojn de la Kongreso, F-inojn Dorsinfang, F-ino Brosse, S-rojn Verbeken kaj Remy kaj S-ron H. Petiau. Toasto je ilia sano estis akceptata per tondra aplaŭdado.

S-ro Theo Durieux prezentis toaston je S-roj L. Cogen, Vicprezidanto, kaj Fr. Schoofs, Direktoro de nia organo.

S-ro Derigat levis la glason je la honoro de... ĉiuj toastintoj kaj S-ro Delhez dankis la bovon kaj la porkon, kiuj provizis nin per sia bona viando.....

Je la 5a horo posttagmeze ni forlasis la tablon, tute kontentaj pro tiu bonege sukcesinta kaj vere familia kunesto. Neniun kritiketon mi aŭdis.

## AL LA CITADELO.

Tuj post la festeno nin atendis, antaŭ la stacidomo, rezervitaj tramveturiloj, kiuj suprenveturigos nin al la famekonata fortikaĵo de Namur, kiu majeste regas la urbon kaj la tutan ĉirkaŭaĵon.

La vetero es'is bele-freŝa. La veturadon multe ĝuis ĉiuj, dum rekomenciĝis la interrompita babilado gaja de l'festeno.

Post mallonga halto ĉe la supro ni reveturis admirante denove la belegan panoramon. Je la sesa kaj duono ni ree estis en la urbo, kaj ĉiuj geamikoj disiĝis..... por rekuniĝi je la oka vespere en la salono de la« Kursaal » por aŭdi la

## KONCERTON

organizitan de la tiea privata societo. Belan kaj artan programon de instrumenta kaj voĉa muziko ni ĝuis. Post la koncerto la direkcio de la «Kursaal» organizis gajan dancfeston, kiu daŭris ĝis noktmezo.

Post tia zorge « plenigita » tago, dolĉa ripozo estis ja bone meritita.

## LA EKSKURSOJ

La duan tagon, lunde, estis organizitaj tri ekskursoj: la unua al la Grotoj de Han, kiun partoprenis plej granda aro, oni diris al mi,

---

(2) Respondo de Princo Leopold:

« Très touché du contenu du télégramme que vous lui avez adressé, Monseigneur le Duc de Brabant me charge de vous en exprimer ses sincères remerciements, ainsi qu'à tous ceux dont vous vous êtes fait l'interprête. Chef Cabinet Roi ».

80 gekongresintoj; la dua, al Dinant, per vagonaro kaj al Godinne... piede, kaj la tria, vagonare el Dinant kaj de tie ŝipe al Namur.

Ĉar mi tiun tagon treege ŝatis agrablan kaj dolĉan «farniente» mi elektis la trian ekskurson, kiun partoprenis ankoraŭ 13 aliaj « kuraĝuloj ».

Ĉe la s'acidomo de Dinant ni adiaŭdiris la taĉmenton da piede ekskursontoj, kiuj fiere forlasis nin, kvazaŭ ili tiun tagon iros ĝis la fino de la mondo. Nur kiam ili estos iom tro malproksimaj ni rimarkis, ke neniu el la malfeliĉuloj havis pluvombrelon! Ve!

Ni supren.... rampis la kvarcent ŝtupojn de la Dinanta fortikaĵo, admiris ravan panoramon, igis nin klarigi de la ĉiam-kaj-ĉiea aŭtomata gvidisto ĉiujn detalojn pri la historio de la « citadelo » kaj pri la okazintaĵoj en ĝi dum la granda milito.

Tiam okazis promenado tra la tute forbruligita urbo nun preskaŭ plene rekonstruita. Dum tiu promenado ni kun emocio salutis la murojn an aŭ kiuj dum la teruraj tagoj de la militfuriozo estis mortpafitaj kelkaj centoj da Gedinantanoj, junaj kaj maljunaj,..... viroj kaj edzinoj, avoj kaj infanoj......

Posttagmeze ni enŝipiĝis je la 2a h. Komforte sidante ni glitigis nin sur la akvoj de la belega Moz-rivero, inter la ravaj bordoj kun iliaj ondantaj montetoj kaj ridetantaj kampodomoj.

La Pluvego dum kelka tempo malgajigis la spektaklon, kiu tamen ne perdis sian ĉarmon.

Kaj revadante ni tute trankvile realvenis je la 6a en Namur, kie nin atingis la bona novaĵo, ke ĉiuj vagonaroj en tuta Belgujo funkcias laŭ la oficiala horaro.

Ĉiuj kongresanoj trovis do okazon por reveturi hejmen tute komforte kaj senriske.

— Bela, bone sukcesinta kongreso, ĉu ne?
— Jes, ja! Vere agrabla.
— Neniu kritiketo!
— Tiel «intima»!!!

Manpremado — ĝis revido! — Kie? — En Bruĝo... en Gento...!?! Ho jes ,en Bruĝo, ĉu ne?... — Nu, eble, jes, ni vidos... ekzamenos... sciigos per B. E.!

Adiaŭ!

## DE GENT AL NAMUR KAJ LA EKSKURSO AL HAN

La XIIa belga kongreso jam apartenas al la estinteco, sed en nia rememoro ĝi ankoraŭ longe restos. Du ĉarmoplenajn tagojn ni pasigis en la mirinda Mozovalo, nia Esperantujo de ĉitiu jaro. Estis tagoj de bona interkompreniĝo inter la diversurbaj gesamideanoj. Ni revivu tiujn tagojn de naturĝuo tro rapide forflugintajn.

Ŝajnas ke al la Gentaj kaj antaŭurbaj gesamideanoj la elekto de Namuro kiel kongresurbo ege plaĉis, ĉar 40-ope ni troviĝis frumatene (je la 5a!) apud la suda stacidomo. Neniu bedaŭris la tiel frue forlasitan liton, ĉar ĉiuj aspektis kontentaj eflugi foje sian ĉirkaŭaĵon,

forgesi la ĉiutagajn zorgojn, por nur vivi meze de geamikoj kun sama idealo.

En Bruselo ni havis halton de 1 horo, kiun ni bezonis por atingi — post agrabla promenado — la Luksemburgan stacidomon.

La vojo Bruselo-Namuro estas rava en la ĉarma vilaĝeto Boitsfort kun siaj multaj somerdometoj kaj pentrindaj lagetoj. Ni trapasis la impresigan arbaregon de Groenendaal kaj admiris la lagetojn de la Hulpe, ankoraŭ pli belaj ol tiuj de Boitsfort.

La pejzaĝo pli vastiĝas. Ondiĝantaj terenoj alternas kun montetoj, sur kies supraĵo de tempo al tempo kastelo estas ekvidebla. Je la 10a ni alvenis en Namuro kaj renkontis ĉe la akceptejo: Namur-Palace, jam multajn konatulojn de antaŭaj jaroj.

Pri la oficialaj okazintaĵoj de la kongreso oni jam legis ĉiujn detalojn en alia artikolo.

Posttagmeze kelkaj gesamideanoj iris per vagonaro al Walzin. Ne malprave oni nomas tiun regionon: «Malgranda Svisujo». — Boate ni transpasis la Lesse kaj, dum kelkaj samideanoj fotografis, ni havas la okazon admiri la belegan naturon kiu ĉirkaŭis nin. Antaŭ ni fiere profiliĝis la Roche à Mouzon sur kiu ni facile povis distingi blankan starantan ĉevalon, hakitan en la roko, per la nura mano de la naturo. Nia vojo kondukis nin tra farmdomo, lokita ĉe la rivero kaj je la bazo de la roko sur kiu troviĝas la kastelo de Walzin, kiun ni jam admiris de la alia flanko de la Lesse.

Post belega promenado ni alvenis en la ĉarma vilago Anseremme kun ĝia tre antikva preĝejeto, kaj ni vidis kie la Lesse sin ĵetas en la Mozon. Baldaŭ leviĝis antaŭ ni la 40 metrojn alta Roche- Bayard. Apenaŭ la interspaco sufiĉas al traveturantaj veturiloj kaj oni pene kredas ,ke grandaj armeoj ĝin trairis.

La nomo Bayard devenas de la legendo de la 4 filoj Aymon, kiuj, sidante sur la dorso de sia sorĉa ĉevalo, faris la fabelan salton trans la roko.

En la antaŭurbo de Dinant, St. Nicolas, ni momente haltis ĉe «Le mur des fusillés» kiu rememorigis al ni, kiel terure Dinant suferis dum la milito.

Lacaj pro la longa promenado, ni alvenis en Dinant, kie kelkaj — el ni supreniris la 408 ŝtupojn, kiuj kondukas al la Citadelo. Apenaŭ mi havis la necesan kuraĝon por komenci tiun «kalvarion» mezurante per la okuloj la altecon de la Citadelo, sed mia peno estis plene rekompencita pro la belega panoramo, kiu etendiĝis ĉirkaŭe, pro la vizito al la Citadelo mem, kies dummilitan rolon al ni rakontis plej patriota gvidanto!

Je la 7a, vagonaro nin rekondukis al Namuro, kie ni, post refreŝiĝo kaj vespermanĝo, ĉeestis artan koncerton en la «Kursaal» kaj retrovis la aliajn kongresanojn. — Poste, la balo tute ripozigis nin!

En la brakoj de Morfeo ni baldaŭ tute mallaciĝis kaj ni vekiĝis la sekvantan matenon kun nova kuraĝo por entrepreni la ekskurson al Han.

Je la 8a matene ni forlasis Namuron. La fervojo transpasas la Mozon; longtempe oni vidis la Mozmontetojn, ĝis kiam la malebeno de la

tereno ilin kaŝis al niaj okuloj. Proksimiĝante al Jemelle la regiono ĝas ankoraŭ pli sovaĝa.

La vojo Rochefort-Han estas plej bela. Je vojturniĝo oni subite ekvidas la pentrindan vilaĝeton Han. La tramveturilo nin kondukis ĝis super la rokoj de Faule kaj de la altaĵo ni devis malsupreniri ĝis la enirejo de la groto.

Neeble estas al mi priskribi la faman groton de Han. Ĉirkaŭ 3 h. ni promenadis en tiuj subteraj kavernoj ,longaj je 3 km.

Ĉiu ĉambrego havas nomon, kiun komunikis al ni la gvidisto. La ĉambrego, kiu sendube postlasis ĉe ĉiuj neforgeseblan impreson, estas la Salle du Dôme, tiel alta ke oni apenaŭ povas distingi la supraĵon. La gvidanto, kun maltimo tia, ke ni tremis por li, surgrimpis la amasigitajn ŝtonegojn, torĉon svingante, kaj, rapide kiel ĉamo, li baldaŭ atingis la plej supran parton. Tie li ekbruligis iun lumon kiu aspektis kvazaŭ granda stelo. Kiam li, revenante, saltis sur la rokoj, mi tremis ĉe la ideo, ke unu maltrafa paŝo sufiĉus por ĵetegi lin en la profundaĵon.

Fine ni atingis la «Salle du Débarcadère», kie ni prenis lokon en boatoj por elveturi tiun sorĉan palacon, tamen nur, post kiam ni estis kantintaj la Esperantan himnon.

La elveturado estas ankaŭ plej mistera: la gvidanto estingas sian lanternon; dum kelkaj momentoj, nenion vidante, oni glitas sur la trankvila akvo, kaj subite, en la malproksimo ekvidiĝas lumradio, pala kiel la luno. Estas la truo tra kiu la taglumo penetras en la groton.

Neniam mi forgesos tiun transpason de la nokto al la tago, de la mallumo al la lumo. Neniu diris vorton; ĉiuj estis impresataj. Subite eksonis kanonpafo: kia bruegado. Dum pluraj sekundoj la resonanta eho estis aŭdebla.

Ĉarma estas la kontrasto inter la ridetanta pejzaĝo, kiu etendiĝis antaŭ ni kaj la misteraj nigraj grotoj, kiujn ni ĵus forlasis.

Plej kontentaj pro la ĝuoplena tago ni reveturis al Namuro kaj de tie al Gento. Kian belan rememoron pri tiuj du tagoj ni kunportis!

(M. DE RYCKE.

## EĤO DE LA KONGRESO

Por pruvi kiel agrabla estis la kongreso ne nur por la Gebelgoj, sed ankaŭ por la fremdaj samideanoj kiuj ĝin partoprenis, ni elĉerpas la jenajn parolojn el karto afable sendita de nia franca amiko Sro Engelmann (de Rosny-sur-Bois), al la kongresa prezidanto.

« Estimata Sinjoro, Mi ankoraŭ tiel ĝuas la koran akcepton « kiun faris al mi la Belgaj Esperantistoj, kaj la agrablan tempon « kiun mi pasigis kun ili.... ke mi ĉiam memoros la 12an Belgan « Esperantistan kongreson en Namur.

« Pro tio mi ne povas deteni min, reĥejmiĝinta, peti vin denove « prezenti al la Belga Ligestraro miajn plej sincerajn dankojn kaj « miajn bondezirojn por la post-kongresa progreso de Esperanto en « via simpatia lando.... »

Ne nur, ni, Belgaj Esperantistoj, estas feliĉaj pro tiuj afablaj paroloj de nia franca amiko, sed ni aldonas ke li mem ne estos estinta

seninflua sur la varbado de novaj adeptoj al nia afero, ĉar, multprovizita de propagandiloj, Sro Engelmann diskonigis Esperanton senlace kaj ĉie, en la vagonaroj, sur la tramveturiloj ,eĉ en la Groto de Han!

# Parolado de S-ro Cogen en la Urbodomo de Namur

## Traduko

Sinjoro Skabeno, Sinjorino kaj Sinjoroj Urbaj Gekonsilantoj, Sinjoroj Membroj de la Festa Komisio,

Akceptante dum ĉi-tiu tago la Gemembrojn de la XIIa Kongreso de la Belgaj Esperantistoj, la Komunuma Administracio de Namur nur konfirmas, unu fojon plie, tradicion kiu ekstariĝis, de la ekesto en Belgujo, de la movado favore je l'alpreno de helpa lingvo. Tiu oficiala apogo estis, de la komenco, multvalora kuraĝigo kaj efika helpo, de la Komunuma Povo al la defendantoj de l'Ideo kaj al la Esperanta entrepreno, tial ke tiu apogo rekomendigas la demandon pri la lingvo internacia al la favora kaj simpatia atento de la publiko.

La Gekongresanoj estas speciale feliĉaj konstatante ke hodiaŭ la Urbo Namur faras al ili, per la pero de siaj gekomisiitoj, la saman akcepton kiel estinte ĝiaj fratinoj Valonaj kaj Flandraj, kaj tio, dum, en najbara kaj amika lando, kiu estis ĉiam la ĉefa fokuso de kie la ideo pri helpa lingvo radiadis sur la tuta civilizita mondo, tiu ideo estas pli malpli kontraŭata de la Centra Povo.

Via favoremo al la Gekongresanoj, Sinjoroj, pruvas ke, kun ili, vi vidas en tiu malagrablaĵo nur tion, kio estas vidota en ĝi: lokan kaj kelktempan malhelpaĵon ŝuldatan, sendube, al la fakto ke iaj adeptoj lasis kredi ke Esperanto estas io.. kio ĝi ne estas; malhelpaĵo, cetere, kiel ilin spertas ĉiuj ideoj novaj, trafantaj kaj timigantaj pro sia maltimeco kaj noveco mem, sed kiujn la alkutimiĝo baldaŭ vidigas laŭ ilia ĝusta lumo kaj fine igas plenkutimaj!

Esperanto ne jam estas «plenkutima» por ĉiuj homoj kaj tio tiom pli, ĉar, por «vidi ĝin laŭ ĝia ĝusta lumo», oni devas iomete klopodi. Ekzistas, efektive, du specoj de novaĵaj: tiuj kiuj havas karakterizon ĉefe materian; tiuj kiuj apartenas al fako pli intelekta. Inter la unuaj ni povas loki la fervojojn, la vaporŝipojn, la telefonon, la telegrafon kaj ĉiujn mirindaĵojn de l'elektro ,la fonografon, la aŭtomobilismon, la aviadon; inter la duaj ni citos, interalie, la stenografion kaj la lingvon internacian.

Nu, estas rimarkinde ke, la elpensaĵoj de la unua kategorio alvenkis la mondon multe pli rapide ol tiuj de la dua. Tio devenas precipe de tio ke la unuaj trafas niajn sentojn pli rekte, dum pririgardo pli zorga estas necesa por ekkompreni la internan valoron de la duaj kaj la bonaĵojn kiujn ilia uzado havigos al la homvivaj aferoj: nu, estas tiu penado kiun multaj homoj ne volas fari: ili opinias ke estas pli simple nei «a priori» la valoron kaj la utilecon de la nova ideo

kaj eldiri, koncerne ĝin, evidentajn stultaĵojn, prefere ol konfesi lojale ĝiajn meritojn post serioza kaj senpartia trarigardado!

Kion vi volas? Tio estas unu el la difektoj de l'homaro, kaj estus ja mirinde se estus alie en la kampo de la intelektaj aferoj, kiam sufiĉus ke ni legu la historion de la materiaj elpensaĵoj por konstati ke eĉ tre grandaj inteligentuloj — aŭ konsideritaj kiel tiaj dum sia vivtempo — neis la utilecon kaj eĉ la praktikan eblecon de la fervojoj, kaj nomis la naskiĝantan telefonon..... scienca ludilo!!

Sed tiu historio, kiu devus igi pli singardaj niaj nunaj malfavorantoj de l'ideo pri lingvo helpa,ĉe la eldiro de iliaj opinioj definitivaj kaj... eraroplenaj, tiu historio, mi diras, plenigas nin, Geesperantistojn, je sankta fervoro kvazaŭapostola, ĉar ĝi sciigas al ni ke nek la homoj eĉ plej eminentaj, nek iliaj plej ruzaj agoj kapablas iel kontraŭstari la Progreson! Kaj la Historio tutsimple sciigas al ni ke la batalado por la Progreso, por la plibonesto, estas ankaŭ ennaskiĝinta en la homa animo; ke tiu batalado estas longa, ofte, sed triumfanta, ĉiam!

Estas tiu fido, Sinjoroj, kiu subtenas nin dum nia paca batalado celanta akceptigi universale la ideon tiel simplan pri lingvo helpa internacia, funkcianta flanke je la naciaj lingvoj kiel interkomprenilo tie kie, tiuj lastaj, pro sia multeco kaj sia malfacileco, ne kapablas ludi sian rolon kiel transigilon de la pensoj kaj mi petas ke vi kredu ke spertado pli ol dudek kvinjara pruvis al mi ke tiuj okazoj, estas alie pli multenombraj ol oni unuavide imagus!

Esperanto , nura realigo vere serioza, scienca, vivkapabla, de l'problemo de la lingvo internacia ,kiel pruvas ĝia tridek-sesjara praktikado en ĉiuj fakoj de l'homa agado, Esperanto estas do nur speciala interkomprenilo kiun oni uzos nur tie kie ĝi povas esti utila; inter personoj konantaj unu aŭ diversajn samajn lingvojn oni ne uzos ĝin! Aliflanke, ĝi estas ligita al neniu ideo politika (tia estas la eraro de niaj amikoj, la Francoj); ĝi ofendas neniun patriotismon, neniun opinion filozofian aŭ religian; ĝi ne celas trudanstataŭi iun lingvon nek malutili la disvolviĝon de iu ajn el ili, ne pli ol la stenografio suprecitita emas por forigi la anglan skribon kiu fariĝis skribo vere internacia; ne pli ol la velocipedo aŭ la flugmaŝino celas trudanstataŭi la ceterajn transportajn rimedojn.

Sed, same kiel ĉiu el tiuj lastaj elpensaĵoj, Esperanto havas sian propran agadan kampon kiu limiĝas per la rilatoj inter « heteroglotuloj», se vi permesas al mi uzi tiun neologismon eble iom tro kleran! Kaj, ĉar ,de proksimune cent kvindek jaroj la nombro de lingvoj naciaj eniĝintaj en la « Monda lingvaro » multe kreskadis kaj kreskas nun ankoraŭ sub niaj okuloj depost la fino de la militvenego kiu skuegis la mondon, la kialo de la helplingvo internacia praviĝas ĉiun tagon iom pli!

Nia lukto estas lukto tute ne profitema, internacia certe, sed je internacieco bonkvalita, simila al tiu de ĉiuj grandaj elpensaĵoj kiuj estas utiligataj ĉe ĉiuj nacioj de la tuta terglobo; kaj pro tio ĝi estas tiom pli nobla kaj bela!

Nuntempe milionoj da Geesperantistoj estas dissemitaj en ĉiuj landoj de l'civilizita mondo. Inter ili estas homoj eminentaj tiel same kiel humilaj manlaboristoj. Ĉiuj «liberaj profesioj», ĉiuj artoj, ĉiuj metioj, ĉiuj religioj, ĉiuj filozofiaj kredoj havas reprezentantojn inter ili. Ĉiuj tiuj geadeptoj senĉese laboradas por disvastigi, komprenigi kaj amigi la lingvon de Zamenhof, tiel simplan, tiel facilan, tiel fleksеblan, tiel belsonan kaj kiu, anstataŭ «reprezenti la imperiecon de l'manko de tradicio» kiel oni lastempe skribis, profunde enigas siajn radikojn ne en la pasintaĵo historia — lingva de NUR UNU lingvo nacia, sed kiu, male, profitas je l'akiraĵo diversfoje jarcenta de la lingvoj latina, latinidaj, ĝermanidaj kaj slavaj KUNIGITAJ!

La penoj nune farataj sur unu punkto de la terglobo por kaŭtraŭi la lingvon helpan ,nin tute ne timetigas: ni daŭrigos nian vojon, trankvilaj, ridetantaj, «sans nous en faire» (*), laŭ la esprimo de l' « Poilu » (**), sed disĵetante pli abunde ol iam tion kion ni opinias esti la bonan semon de fruktodona estonta rikolto.

Tiun semon, Sinjoroj, vi kuraĝigas nin, pro via bonkora akcepto, disĵeti ĝin hodiaŭ manplene sur la bonan teron Namuran. Je l'nomo de la Gekongresanoj mi korege dankas vin pro tio kaj ni esprimas bondeziron favore je la grandiĝanta prosperado de la urbo Namur kiu estis tiom afliktita dum la malĝojiga periodo de l'malamika trudokupado.

---

(*) Ne ekscitante nin, ne kolerante.
(**) Franca kromnomo de la soldato.

# Belga Kroniko

Ni ĝentile petas la grupestrojn, ke ili zorgu por ke la Liga Sekretario ricevu, antaŭ la 15a de ĉiu monato, raporteton pri la agado de ilia grupo.

BRUĜO. — Post paroladoj de F-ino Thooris kaj S-ro Dervaux, la grupo malfermis kurson gvidatan de la sindonema Sekretario, S-ro Dervaux kaj ĉeestatan de 30 personoj.

La 22an de marto, S-ro Pirnay, Prezidanto de la grupo de Verviers ĉeestis kunvenon de la B. G. kaj faris propagandan paroladon.

La Paskan dimanĉon, kelkaj membroj de la Genta grupo «La Progreso» vizitis Bruĝon; plezure ili estis akceptataj de la Bruĝaj gesamideanoj, kiuj, kun ili, vagadis tra la urbo.

Le 5an de aprilo S-ro Dervaux malfermis kurson por progresantoj kun 15 ĉeestantoj.

GENTO. — Grupo «La Progreso»: 3an kaj 10an de Marto, F-ino E. Colyn, vicprezidantino, faris en la sidejo dupartan paroladon kun lumbildoj. Ĝi estis tre ŝatata pro dokumentriĉeco kaj flua parolmaniero.

**29an de aprilo** okazis grupa ekskurso al Bruĝo, kie la vizitantoj estis tre afable akceptataj de la lokaj geesperantistoj.

**4an de majo:** Delegitoj de la grupo partoprenis kun flago al la honoriga festo por la gereĝoj de Hispanujo, en Bruselo.

6an de majo, dimanĉa posttagmeza promenado laŭlonge de la Leie (Lys) rivero, apud la urbo.

La kurso en «Gazette van Gent» finiĝis. Novaj unuagrada kaj perfektiga kursoj komenciĝis en ĝi.

# Esperantista Skolta Tendaro

La «Skolta Esperantista Ligo», pri kiu niaj legantoj certe jam aŭdis, klopodas por disvastigi Esperanton inter junuloj kaj organizas de nun ĉiujarajn tendarojn en diversaj landoj. Ĝi nun informas ĉiujn knabo-skoltojn pri organizo de Esperantista Skolta Tendaro en Ruysbroeck-apud-Bruselo ,de la 21a ĝis la 29a de Julio proksima. Kiu deziras ricevi pluajn sciigojn sin turnu al la belga agento de S. E. L.: S-ro Van Vynckt, C. T. Tr. - T. S. F., - IIa Komp., Vilvorde

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «De Scout» (aprilo): artikolo tradukita el E. T. pri la utileco de Esp. por la knaboskoltoj.

BRUĜO. — «Journal de Bruges», (12-4): anonco pri la Venezia konferenco, (27-28-4): artikoleto pri la kongreso de Namur.

BRUSELO. — «La Dernière Heure» (14-4): informeto pri Venezio. «La Libre Belgique» (9-5): pri Esperanto en Japanujo.

CHARLEROI. — «Le Journal de Charleroi» (1-6): detala raporto pri la kongreso de Namur.

GENTO. — «Gazette van Gent» (20-5): flandra traduko de la artikolo pri alfabeto Morse kaj mnemoteknio aperinta en B. E.; (25-5): tre bela raporto detala pri la Namura kongreso; (27-4; 10, 20, 25-5; 1, 8, 15-6): diversaj Esperantaj legaĵoj kun flandra traduko.

NAMUR. — «Vers l'Avenir (15-5): raporto pri la XIIa Belga kongreso. « Province de Namur» (22-5): simila raporto; (26/27-5): sub la titolo« La defendo de Esperanto» publikigas la plej gravan parton el la parolado de S-ro L. Cogen en la urbodomo de Namur.

MECHELEN. — «Gazet van Mechelen» (26/27-5): raporteto pri Namur; (5-6): deziresprimo de la Pariza komerca ĉambro de 9 majo 1923.

VERVIERS. — «Le Travail» (19-5): favora artikolo pri la komerca konferenco en Venezia.

# Esperanto baant zijn weg !

## Officieele en practische middens beseffen zijn waarde.

De volgende **feiten alleen** zijn overtuigend :

In **Sept. 1920** stemt het Wereldkongres van de Vereeniging der Internationale Kringen (Brussel) een wensch ten voordeele van het algemeen gebruik van Esperanto.

In **Dec. 1920**: afgevaardigden van 11 staten leggen den **Volkenbond** een resolutie voor betreffende de algemeene hulptaal. De kwestie wordt verdaagd.

Den **9n Febr. 1921** besluit de **Handelskamer van Parijs**, na grondig onderzoek door een bijzondere commissie, het onderricht van Esperanto in de Handelsscholen van Parijs in te voeren, en beveelt alle handelsmiddens aan dit voorbeeld te volgen.

In **Maart 1921**: 21 leden der Akademie van Wetenschappen te Parijs roemen het nut van Esperanto en drukken een wensch uit tot het gebruik van die taal voor Wetenschappelijke doeleinden.

In **Sept 1921**: afgevaardigden van 13 staten brengen in den **Volkenbond** opnieuw een motie voor. Gevolg: Het Sekretariaat wordt gelast, een internationaal onderzoek te doen over den toestand der zaak.

In **April 1922**: te Genève heeft een Intern. Conferentie plaats van **Opvoedkundigen en Onderwijzers** komende uit 27 landen (16 regeeringen officieel vertegenwoordigd). Ze veerdigt een Manifest uit aan de onderwijzers van de gansche wereld, vaststellend dat Esp. geheel en al volstaat voor het praktisch gebruik, tot alle doeleinden, en den wensch uitdrukkend dat die taal aangeleerd worde in alle lagere scholen.

In **Sept. 1922** levert het Sekretariaat van den **Volkenbond** zijn verslag over het onderzoek in 1921 bevolen. Het is het meest schitterend pleidooi dat ooit ten voordeele van Esperanto uitgebracht werd. Rijkelijk voorzien van bewijsstukken, ontleedt het de taal en haar beweging onder alle opzichten.

In **April 1923** wordt te Venetië een **intern. Conferentie** bijeengeroepen voor het onderzoek over de bruikbaarheid van Esperanto in **Handel en Toerisme.** 150 afgevaardigden van 23 landen, vertegenwoordigen 84 Kamers van Koophandel (o. a.: Parijs, Londen), 21 handelsfooren, 30 toeristenbonden, 7 Ministeries, 60 groepeeringen van Nijverheid en Bankwezen, Handelsscholen, enz. Zij geven verslag over hun ondervindingen betreffende het gebruik van Esperanto, die allen in het voordeel dezer taal spreken. — De Conferentie sluit zich aan bij de zienswijze der Handelskamer van Parijs, uit den wensch, Esperanto te zien invoeren in al de Handelscholen der wereld, en noodigt al de Handelskamers, economische groepeeringen en Toeristenbonden uit, de zaak grondig te onderzoeken. — Verder worden er resoluties aangenomen die het Esperanto aanprijzen voor de Handelsfooren, het hotelwezen, de reisgidsen en de Radiotelefonie.

Den **9n Mei 1923** neemt de Handelskamer van Parijs kennis van het verslag van zijn afgevaardigde te Venetië en drukt den wensch uit «dat de handelskamers en andere economische organismen, die nog niet overtuigd zijn van het nut van Esperanto als internationale code, die kwestie zouden ter studie leggen en proefnemingen maken **voor dewelke de Handelskamer van Parijs zich te hunner beschikking stelt.**

---

De uitvoerige verslagen van al de hierbovenvermelde Conferenties en beraadslagingen zijn te bekomen door bemiddeling van de Redactie van dit blad.

# L'Esperanto fraie son chemin !

Seuls les faits suivants sont frappants et doivent convaincre :

En **sept. 1920**, le Congrès Mondial des Associations Internationales (Bruxelles) vote un vœu favorable à l'emploi général de l'Esperanto.

En **déc. 1920**, les délégués de 11 Etats présentent à la **Société des Nations** une motion concernant la langue auxiliaire internationale: la question est remise.

Le **9 février 1921**, après examen approfondi par une commission spéciale, la **Chambre de Commerce de Paris** décide d'introduire l'Esperanto dans les écoles commerciales de Paris et recommande à tous les milieux commerciaux d'imiter cet exemple.

En **mars 1921**, 21 membres de l'**Académie des Sciences de Paris** constatant l'utilité de l'Esp et expriment le voeu de voir employer cette langue dans le domaine scientifique.

En **sept. 1921**: des délégués de 13 Etats présentent de nouveau une motion à la **Société des Nations**: le Secrétariat Général est cette fois-ci chargé de faire une enquête internationale sur la situation de la question.

En **avril 1922**: à Genève se réunit une Conférence intern. de **Pédagogues et d'Instituteurs** venus de 27 pays (16 gouvernements étaient officiellement représentés). Elle publie un Manifeste aux instituteurs de tous les pays du monde, certifiant que l'Esperanto suffit amplement à l'usage pratique pour toutes fins, et exprimant le vœu qu'il soit enseigné dans toutes les écoles primaires.

En **sept. 1922**: Le Secrétariat Général de la **Société des Nations** dépose son rapport sur l'enquête ordonnée en 1921. Cette pièce est le plaidoyer le plus brillant qui a jamais été écrit en faveur de l'Esperanto. Abondamment pourvu de documents, ce rapport analyse la langue et son mouvement, sous toutes ses faces.

En **avril 1923** se réunit à Venise une **Conférence internationale** dans le but d'examiner l'Esperanto au point de vue de son emploi dans **le Commerce et le Tourisme.** 150 délégués y représentent 84 Chambres de Commerce (e.a. Paris en Londres), 21 foires commerciales, 30 associations touristiques, 7 Ministères, 60 groupements industriels, et bancaires, écoles commerciales ,etc.; ils rapportent sur leurs expériences faites au moyen de l'Esperanto et tous concluent en faveur de l'emploi général de cette langue. La Conférence se rallie à l'opinion de la Chambre de Commerce de Paris, émet le vœu de voir introduire l'Eperanto dans toutes les écoles commerciales du monde, et invite toutes les Chambres de Commerce, tous les groupements économiques et touristiques à examiner cette question à fond. La conférence adopte aussi des résolutions recommandant l'Esp. pour les Foires Commerciales, l'industrie hôtelière, les guides de voyage et la Radiotéléphonie.

**Le 9 mai 1923**, la **Chambre de Commerce de Paris** prend connaissance du rapport de son délégué à Venise et émet le vœu: «Que les Chambres de Commerce et les groupements économiques qui ne sont

pas encore convaincus de l'opportunité de l'usage de la langue auxiliaire espéranto comme code idternational de correspondance et de langage veuillent bien mettre cette question à l'étude et tenter des expériences **pour lesquelles la Chambre de Commerce de Paris se met à leur disposition».**

---

Les rapports sur toutes les conférences et délibérations citées peuvent être obtenus à la Rédaction de cette Revue.

# Gratuloj

Antaŭ nelonge, F-ino Béatrice Ronse, anino de la Bruĝa Grupo edziniĝis kun S-ro Valère Kemp. Tutkorajn gratulojn.

Ni ekscias, ke S-ro Oger, prezidanto de la grupo de Liége estas nomita Direktoro de la telegrafoj. Ni tutkore gratulas la novan Direktoron.

Edziniĝis en Antverpeno la 8an de majo 1923 nia samideanino Gabrielle Janssens, kun S-ro Edmond Preud'homme, inĝeniero, el Trognée.

Edziĝis en Antverpeno la 18an de Junio S-ro Joz Quaeyhaege, malnova membro de «La Verda Stelo», kun F-ino Johanna Hartman, el Bilthoven (Nederlando).

Naskiĝis al ges-roj Abrah. Swalf, Antverpeno, filineto Raymonde, la 8an de Junio.

# Kondolencoj

Mortis en Steenbrugge S-ino V-vino Richard WITTERYCK, aĝa je 90 jaroj kaj 4 monatoj. Ŝi estis la patrino de nia estimata Liga Prezidanto. Al nia bona amiko Witteryck kaj al lia familio ni prezentas nian simpation kaj plej koran kunsenton en la kruela sortbato.

La Bruĝa Grupo deziras speciale kaj oficiale kondolenci S-ron A.J. Witteryck, kiu estas ne nur ĝia Liga Prezidanto sed ankaŭ ĝia Honora Prezidanto, okaze de la morto de lia kara patrino. La Bruĝaj gesamideanoj plenumis doloran devon ĉeestante la funebran ceremonion; inter ili troviĝis la prezidantino kaj la sekretario.

La Ligestraro, je l'nomo de la Ligo, prezentas al ĝia Prezidanto siajn plej sincerajn kondolencajn sentojn kaj certigas lin ke ĝi tutkore partoprenas lian funebron.

# Lingva Komitato

## Cirkulero al la membroj

Parizo, 12 majo 1923.

Kara kolego,

Antaŭ la 31 marto 1923 la L. K. kalkulis 73 anojn. 62 voĉdonis, sed 3 voĉdonoj alvenis tro malfrue por enkalkulo. La voĉdonojn ni ne ricevis de 11: s-oj Backheuser, (Brazilo), Behrendt, Codorniu, Furtado (Brazilo), van Melkebecke, Rohrbach, D-ro Schmidt, Sepulveda-Cuadra (Ĉilio), Török, Underhill (Usono) kaj Verax. — 59 voĉdonoj valoris.

**Pri la lingvaj demandoj**

52 voĉdonis por la formo: **analog'** (ne: analogi').
53 » » » » **konfidenc'** (ne: konfidenci').
46 » » » » **nekrolog**, (ne: nekrologi').

Pri la jam aprobita formo; **budĝet'**, pro kopieraro la vorto ne troviĝis en la starigita voĉdonilo, sed tamen granda plimulto esprimis favoran opinion kontraŭ nur 3, kiuj preferis buĝeto, aŭ budĵeto, aŭ budjeto.

Sekve la formoj: **analog', konfidenc', nekrolog, budĝet'**, fariĝas definitive oficialaj.

Pri la formoj, **Jezu'** (kontraŭ Jesu) kaj **ark'** (kontraŭ arh) 34 ilin aprobas; sed la plimulto ne ŝajnas sufiĉa por fina decido; ni do daŭrigos doni la 2 formojn en «Oficiala Radikaro» (kaj plie: Jesuito, apud Jezuito) — La ĝenerala uzado decidos.

**Pri la elektoj en la L. Komitaton.**

Laŭ unuvoĉa speciala decido de la L. K. la membroj elektitaj en tiu ĉi postmilita voĉdonado estas dividotaj en 3 seriojn. Tiuj, kiuj ricevis pli da voĉoj eliros en 1932, malpli da voĉoj en 1931 ankoraŭ malpli da voĉoj en 1930.

1-a serio (59—54 voĉoj): s-oj Bailey, Fuĵisava, Isbrücker (59), Aymonier, Dietterle, Inglada, Medem, Rollet de l'Isle, Stamatiadis, Leo Zamenhof (58), Witteryck (57), Belmont, Blicher, s-ino Hankel, Wackrill (56), Collinson, Couto - Fernandez, Lippmann (55), Chavet Kenn, Sinpak (54) — Eliras en 1932.

2-a serio (55—50 voĉoj): s-oj Dreher, Furtado, Giesswein, Harvey, Sola, van Melckebecke, Verax (53), Backheuser, Butler, Edmonds (52), Boucon Bremon y Masgraŭ, Czubrizinski, de Kalocsay, Migliorini (51), Bastien, s-ino Blaise, D-ro Schmidt, Wenger (50) — Eliros en 1931.

3-a serio (49—34 voĉoj): s-oj Butin, Lonkopolanski, Loy, Manga-da-Rosenörn, Meazzini, Padfield, Setälä (49), Mann (48), Schmid (47), Robin, Diez, Fridöri, Mojado (46), Racz, Vaona (45), Hromada, Lukkeroth (44), Pitlik, Minor (43), F-ino Supichova (41), Lejzerowicz (34) — Eliros en 1930.

Laŭ alia unuvoĉa decido de la L. K. la sekvantaj anoj, montritaj de l' sorto, eliros en 1929 (anstataŭ 1928): s-oj Busuttil, Cart, Cornet,

Mazzolini, Millidge, Mybs, f-ino Shafer, Schroeder, generalo Sebert, Simon, Stojan, Villanueva.

Okaze de la elektoj en la L.K. proteston mi ricevis de s-o Hromada kaj ankaŭ kantraŭ-proteston kontraŭ la protesto de s-o Hromada.La proteston de s-o Hromado ricevis la malnovaj L.K.-anoj. Mi nur povas respondi, ke en tiu ĉi afero tute korekte kaj lojale mi agis kaj neniun akran vorton mi aldonos. Tiaj polemikoj estas nur perdo de tempo kaj de forto. Se ilia Nacia Societo postulas de la novaj ĉeho-slovakaj L.K.-anoj,ke ili eksiĝu, se tion postulas ilia konscienco, ili eksiĝos mem, sed s-o Hromada ne rajtas ilin eksigi. La Prezidanto de la L. K. povas nur konstati, ke la 3 kandidatoj ĉeho-slovakaj, ricevis la nombron da voĉoj necesan por esti L. K.-anoj.

**Elekto en la Akademion.**

En la Akademio estas nun, post la definitiva eksiĝo de D-o Mybs kaj s-o Wackrill: 4 franclingvanoj (3 Francoj: Cart, Corret, Grosjean-Maupin, 1 Sviso: D-ro Privat), 1 germano (Christaller), 1 anglo (Warden, [1 ruso (Evstiféieff], 1 ĉeho-slovako (Kühnl), 1 hungaro (Lengysel), 1 svedo (Nylen).

Jen, ordigita laŭ la nombro de la akademiaj voĉdonoj ricevitaj de ĉiu kandidato, la listo de la kandidatoj, kiujn la akademio proponas al via voĉdonado :

| | | | |
|---|---|---|---|
| S-o Inglada, | hispana | lingvo, | eliranta akademiano |
| » Dietterle, | germana | » | (12 voĉoj) |
| » Lippmann, | » | » | » |
| » Bailey, | angla | » | (10 voĉoj) |
| » Millidge, | » | » | » |
| » Migliorni, | itala | » | » |
| » Collinson, | angla | » | ( 9 voĉoj) |
| » Dombrowski, | litova | » | ( 8 voĉoj) |
| » Isbrücker, | holanda | » | » |
| » Tellini, | friula | » | » |
| » Setälä | finna | » | ( 7 voĉoj) |
| » Sola, | kataluna | » | » |

(12 akademianoj voĉdonis. Plimulto: 7.)

Pro la eksiĝo de s-oj Mybs kaj Wackrill vi rajtas reelekti 1 kaj elekti 7 novajn — la posteno de s-o Efstiféieff restas rezervita (Tria Triono).

La 5 unuaj, laŭ la nombro de la de ili ricevitaj voĉoj, estos elektitaj por 8 jaroj (anstataŭ 9, ĉar, pro la milito, oni plilongigis por 1 jaro la povon de la nun elirantaj akademianoj) — Sekve ili estos rebalotataj en 1931 (Tria Triono). — La tri ceteraj, elektitaj por plenigi la vakantajn postenojn de la Dua Triono estos rebalotataj en 1925.

Tiamaniere escepte por la rusa lingvo, rezervita antaŭ la Nürnberga kongreso, nia Akademio estos plena, kiel nia lingva Komitato.

Ne riproĉu vian Preziadanton, kiu bone konas la internacian situacion, modeste, tre modeste, aldoni tie ĉi vorton pri la elektoj en la Akademion. Li ne volas insisti kaj vere tio ne estas necesa, ĉar vi ĉiuj en la nuna periodo komprenos liajn motivojn:

Dezirinde estus, ke en la Akademio estu, kiel jam 3 (4) francoj,

almenaŭ 3 (4) angloj kaj 3 germanoj. — Pri la ceteraj lingvoj, se ili ne estas reprezentitaj en la Akademio, laŭ la nuna Regularo (XII. 21. Aldono) la Akademio havas la rajton elekti «membrojn-korespondantojn» kaj tion ĝi certe faros.

*

Dum la Nürnberga Kongreso, se sufiĉe multnombraj estos la Akademianoj, ili elektos la Prezidanton, Vic-prezidantojn kaj Direktorojn; se ili ne estos sufiĉe multnombraj, la elekto okazos kiel eble plej baldaŭ kaj certe antaŭ la fino de l' jaro.

Por la kongreso mi preparos:

1. Jarlibron de la lingvaj institucioj, kiu entenos la Regularon, kun praktika komentario, kaj la plenan liston de la L.K.-anoj kun adresoj ordigita alfabete, laŭ la lingvoj kaj laŭ la elirjaro de ĉiu L. K.-ano.

2. Raporton pri nia agado en la lastaj jaroj kaj programon pri estonta laboro (fakaj komisionoj ktp.).

*

Pardonu, se tiun ĉi fojon ankoraŭ (la lastan) mi petas de vi rapidan respondon: antaŭ la 12-a de junio; sed, mi ripetas, necese estas, ke ĉio estu en perfekta ordo antaŭ la kongreso. Poste la Lingvaj Institucioj estos plene reorganizitaj kaj tiam ni ne plu bezonos postuli tian rapidecon, kian ni bedaŭrinde bezonis dum la unuaj malfacilaj postmilitaj jaroj.

*

Ne forgesu, kara kolego, ke la unua devo; sed devo de ĉiu L. K.-ano estas respondi, ĉiam la al li senditajn demandarojn kaj regule voĉdoni: tio jam sufiĉas, por ke oni ne rajtu lin riproĉi pri mallaboremo. — Pri alia kunlaborado mi parolos en mia kongresa Raporto.

## Saluto al la Novaj L. Komitatanoj.

La Lingva Komitato restu unu!

Sub jena signo ni venkos: Plena, sincera, fideleco al nia Fundamento Zamenhofa, sola garantio de nia internacia unueco, ĉar tiu ĉi lasta sola povas certigi nian sukceson.

Ĉu blinda sintenado, kiu fine ŝtonigos la lingvon? Ne, certe ne: ĉiuj niaj laboroj pruvas la malon! Sed plenkonscia, vira sintenado de homoj firmaj, singardemaj, progresemaj, jes: progresemaj, kiuj scias, ke vera, daŭra progreso ne «saltas» sed antaŭeniras paŝo post paŝo, en plena trankvileco.

Ne finita estas la batalo: en nia paca armeo, la L.K.-anoj staras sur la unua vico.

Al ĉiuj, en kaj ekster Esperantujo, ili donu la impreson, ke ne ŝancelebla ilia fideleco, ne rompebla ilia unueco.

Ni, L. K.-anoj, donu ankaŭ la ekzemplon de disciplino ĝoje akceptita.

Kaj kuraĝe, gaje, ne dubante pri la fina venko, la armeo iros al la batalo.

*

La Lingva Komitato restu unu!

Tio estas nia bonvena saluto al niaj novaj kolegoj.

Via tre fidela Th. Cart, Prez. de la L. K.